# Etnismo



N-RO 16 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 30.09.77

UCD 6
PSOE 2
AP 1

UCD 4
AP 1

UCD 6
PSOE 1
AP 1

UCD 4
AP 1

PNV 4
PSOE 3
UCD 2
AP 1

PNV 3
PSOE 3
EE 1

CATALÀ IDIOMA OFICIAL

UCD 3
PSOE 2

UCD 2
PSOE 1
PNV 1

PDC 2
PSOE 1
UCD 1

PDC 2
PSOE 2
UCD 1

PSOE 11
PCE 7
PDC 6

UCD 5
UDCC 2
EC 1
AP 1

UCD 2
PSOE 1
PCE 1
PDC 1

PSOE 2
UCD 2
sendependulo 1

PSOE 7
UCD 5
PCE 1
PSP 1
AP 1

UCD 4
PSOE 2

PSOE 4
UCD 4
PCE 1

## ĈU SUFIĈAS?

Ne estas tute facile respondi trafe la demandon ĉu la rezulto de la unuaj post 40 jaroj preskaŭ tute liberaj parlamentaj balotoj en Hispanio sufiĉas por solvi la plej brulajn problemojn de tiu lando.

Jes ja, la venko de la moderuloj estas tiel klara ke neniel imageblas reveno al la Frankismo nek timeblas salto en la kontraŭan ekstremon: El la 350 seĝoj de la Kongreso la "civilizita dekstro", ALIANZA POPULAR, de Manuel Fraga Iribarne (la iama "liberala" ministro pri informado kaj turismo de Franko) akiris nur 16, kaj la "eŭro-" komunistoj, PARTIDO COMUNISTA DE ESPAÑA, de Santiago Carrillo atingis 20. La aŭtentikaj frankistoj de ALIANZA NACIONAL (Carlos Arias Navarro, Blas Piñar) eĉ ne unu solan seĝon kaptis, same kiel la fasko da maŭistoj, trockistoj kaj aliaj ekstrem-maldekstraj grupetoj. Surpri-

zas tamen ke la saman sorton havas la kristandemokratoj de Ruiz Giménez kaj Gil Robles (FEDERACION DEMOCRATA CRISTIANA), kiuj fidis sian propran forton kontraŭe al PARTIDO DEMOCRATA CRISTIANO de Alvarez de Miranda, kiu koaliciis kun UNION DE CENTRO DEMOCRATICO (Adolfo Suárez).

Evidente ne povas esti tasko de ETNISMO analizi aŭ eĉ nur prezenti la kompletan rezulton de la hispanaj elektoj. Nia celo devas esti limigi nin al rigardo sur la minoritatajn regionojn. La mallongigoj de la partinomoj kastili-lingvaj signifas jenon (parenteze vi legos la nomon de la tutŝtata kaj/aŭ regiona plejeminentulo):

UCD - Unión de Centro Democrático (Suárez, Katalunio: Carles Sentís)
PSOE - Partido Socialista Obrero Español (Felipe González, en Katalunio: Joan Reventós, en Vaskio: Enrique Múgica Herzog)
PCE - Partido Comunista de España (Carrillo, en Katalunio: Gregorio López Raimundo)
PSP - Partido Socialista Popular (Enrique Tierno Galván)
AP - Alianza Popular (Fraga Iribarne, en Katalunio: Laureano López Rodó, en Galegio: Gonzalo Fernández de la Mora)
PDC - Pacte Democràtic per Catalunya /katalunlingve/ (Jordi Pujol i Soley, Ramon Trias i Fargas, Josep Verde i Aldea)
PNV - Partido Nacionalista Vasco /eŭskere: Euzko Alderdi Jeltzalea/ (Manuel de Irujo, Xabier Arzalluz)
EE - Euskadiko Eskerra /eŭskere; Maldekstro de Vaskio/ (Francisco Letamendia)
EC - Esquerra de Catalunya /katalune; Maldekstro de Katalunio/ (Heribert Barrera)
UDCC - Unió Democràtica de Catalunya i Centre Català /katalune/ (Anton Cañellas i Balcells, Carles Güell de Sentmenat)

Nia titoldemando, kompreneble, havas etnisman dimension: Ĉu la balotoj sufiĉe legitimas la regionismajn partiojn por la luktado en la centra parlamento kaj inter tiu ĉi kaj la registaro? Jen kelkaj konkludoj fareblaj surbaze de la nudaj nombroj kaj konsiderante la partiajn celojn:

1) En tuta Galegio, en la tri provincoj de la Valencia Lando, en Balearoj kaj en Navaro la regionismaj partioj klare malvenkis, eĉ ne akiris unu solan seĝon (la sendependulo de Castellón de la Plana koalicias kun UCD).

2) Konsiderante ke PSOE pledas por regiona aŭtonomio evidentas ke la aŭtonomistoj (PNV, PSOE, EE) en Vaskio (kun aŭ sen Navarra) disponas pri forta plimulto (16 kontraŭ 5 aŭ 18 kontraŭ 8). La venko de UCD en Navarra, tamen, estas malfacile transsaltebla barilo survoje al la unueco de la tuta Vaskio. UCD celas konservi la apartecon de tiu provinco, kiu sola ĝuis aŭtonomion sub Frankismo.

3) En la kvar katalunaj provincoj de Barcelona, Gerona, Lérida kaj Tarragona ĉiuj partioj pledas por aŭtonomio, kvankam kun nuancoj. Se la aliaj partioj ne transprenintus la katalunisman strebadon, probable PDC (kies kerno kaj motoro CONVERGENCIA DEMOCRATICA DE CATALUNYA de Jordi Pujol ŝajnas esti nur katalunisma sen aliaj ideologiaĵoj) akirintus multege pli da voĉoj.

4) Sur tutŝtata nivelo la eksplicite kaj ekskluzive regionismaj deputitoj (11 PDC, 8 PNV, 1 EE) solaj nenion povas atingi (same banala konstato validas pri UCD kun 165 kaj PSOE kun 118 seĝoj!). Sed UCD bezonas por absoluta plimulto nur 11 pliajn voĉojn, kiujn ĝi pli verŝajne trovas - tamen depende de la solvenda problemo - inter la regionistoj (escepte de EE), se UCD promesas al ili plenumon, almenaŭ partan, de la postuloj pri aŭtonomio. Minaco per opozicia koalicio kontraŭ UCD apenaŭ seriozus, ĉar ĉiukaze la 16 AP-deputitoj kaj supozeble la 2 sendependuloj ne partoprenus "maldekstran komploton".

5) Ĉar inter la UCD-deputitoj el plej diversaj regionoj estas pluraj kiuj mem favoras certagradan aŭtonomion, certas ke la ellaborota konstitucio fiksos ĝeneralan kadron por "modera" memregado de ĉiuj regionoj de Hispanio.

# ¿NI VOLAS LA STATUTON!



La simbolo de la aŭtonomio estas en Katalunio same kiel en Vaskio la respektiva statuto aprobita de la hispana parlamento en 1932 respektive 1936. La katalunaj politikaj partioj post la morto de Franko laŭte ekpostulis en la publiko la restarigon de la GENERALITAT, t.e. la aŭtonomiaj institucioj (prezidento, registaro, parlamento, tribunalo), kaj plej konkrete la revenon de ties ekzila prezidento

**JOSEP TARRADELLAS**

al Barcelona antaŭ la balotoj. La unua registaro sub Suárez ne plenumis tiun postulon kaj tiel certe perdis aron da katalunaj voĉoj.

JORDI PUJOL (PDC), energiplena, ĉiam preta investi sian forton en projektojn cele de pli bona Katalunio.

Kiam tuj post la balotoj la 63 katalunaj parlamentanoj (47 deputitoj kaj 16 senatanoj) formis la Parlamentanan Asembleon, oni povis supozi ke ĝi kiel plej aktuala reflektaĵo de la popola volo elbatalos la restarigon de la Generalitat. Ĝia konstanta komisiono (19 membroj sub gvidado de Joan Reventós) fakte faris tiucelajn paŝojn, interkonsiliĝe kun Tarradellas vivanta en Saint-Martin-le-Beau (apud Tours, Francio). Pluraj politikistoj estis konsternitaj kiam la 27-an de junio 1977 la prezidento de la ekzila Generalitat surteriĝis en Madrido kaj komencis serion da intensegaj konversacioj kun la reĝo, kun Suárez kaj kun ties ministroj. Evidentiĝis ke la aranĝinto de tiu fulmvizito estis Carles Sentís de UCD. Ĉu tiu ĉi partio per tia manipulaĵo celis gajni favoron inter la katalunoj? Ĉu Reventós kaj ties kolegoj nur taktike kaj ĝentile konsentis pri la paŝoj de Tarradellas? Ĉu tiu ĉi vere ion atingis? La registara promeso pri restarigo de la Generalitat antaŭ la fino de julio NE plenumiĝis, kaj ankoraŭ la 11-an de septembro (kvazaŭ nacia funebra tago de Katalunio pro la malvenko de la katalunaj soldatoj



Ĉu JOSEP TARRADELLAS, la ekzila prezidento, faras politikon propran, sen interkonsento kun la legitimaj reprezentantoj de Katalunio?



**JOAN REVENTOS (PSOE),**
ĉu survoje al la prezidenteco en nova Generalitat post Tarradellas?

kontraŭ Filipo la Kvina la 11-an de septembro 1714) NE ekzistis la definitivaj reĝaj dekretoj pri la enkonduko de p r o v i z o r a Generalitat! Dum la ĉi-jara 11-a de septembro pli ol unu kaj duona milionoj da homoj manifestadis tra la centro de Barcelona en ondeganta flago-maro sub simile ondeganta kantado kaj zumado de katalun-naciaj kantoj. Tiajn amasojn povis mobilizi Franko nur per donacado de laborhoroj kaj vojaĝkompensoj! La deziro de la preskaŭ-totalo de la katalunoj pri sinregado estas tiel evidenta ke la madridaj aŭtoritatoj nepre ne povas neglekti ĝin.

La situacio en Vaskio estas iomete alia, pro diversaj kaŭzoj. Unue, inter la vaskoj ĉiam ekzistis pli sentebla inklino al teritoria separiĝo kaj kompleta sendependiĝo ol inter katalunoj. Due, UCD, kiu eĉ ne kandidatis en Guipúzcoa, havas tamen sume en Vaskio (inkluzive Navarra) proporcie pli fortan pozicion ol en Katalunio. Trie, la vaskaj partioj tute ne samenergie postulis kaj preparis la revalidigon de la vaska aŭtonomio-statuto de 1936 kiel la katalunaj.

La plimulto de la vaskaj parlamentanoj kunvenis la 19-an de junio sub la sankta kverko en Guernica (provinco de Vizcaya) por formi similan Parlamentanan Asembleon kiel en Katalunio. Sed jam videbliĝis la apartiĝemo de la UCD-homoj de Navarra kiuj simple ne ĉeestis. Prezidis Manuel de Irujo, ministro de la 2-a hispana respubliko, plej elstara membro de PNV. Ankaŭ la vaskaj parlamentanoj klopodegadas pri reoficialigo de sia regiona registaro. Ŝajnas tamen ke ili atingis ĝis nun eĉ ne tion kio estas ĉe la sojlo koncerne Katalunion. - La problemoj de la vaskoj ne limiĝas al UCD el Navarra, sed koncernas ankaŭ la 2 EE-reprezentantojn, kiuj ne partoprenis la kunvenon en Guernica kaj dum septembro esprimis sian malkonsenton pri la jen-kaj-jena voĉdon-koalicio de la PNV-deputitoj kun la Suárez-partio.



ANTON CAÑELLAS, unu el la du UDCC-parlamentanoj, parolas antaŭ la deputitoj en Madrido.

Krom la Kongreso ekzistas ankaŭ la Senato, kiu ludos probable gravegan rolon en la ellaboro de la konstitucio kaj en la leĝdonado, interalie ĉar en la Senato UCD havas efektivan plimulton. Dum en Galegio klare venkis UCD, en Vaskio kaj Katalunio la aŭtonomistoj akiris la plimulton. (Detaloj sekvos en posta numero de ETNISMO.)

**ARZALLUZ** - PNV-deputito

**LETAMENDIA** - EE-deputito

**BANDRES** - EE-senatano

(Ĉefaj informbazoj: semajnrevuo "Cambio 16", Madrido, kaj taggazeto "Avui", Barcelona.)

# ITALA SPERTO PRI MINORITATOJ: AŬTONOMIO POR ALTA ADIĜO/SUDTIROLO

La ministro pri eksterlandaj aferoj de Aŭstrujo vizitis Romon, komence de majo, por pridiskuti la aplikadon de la ĵusaj reguloj (entenataj en la dekreto de la Prezidento de la Itala Respubliko n-ro 752 de 26.07.1976) pri "proporcia partopreno en la ŝtataj oficejoj troviĝantaj en la provinco de Bolzano/Bozen kaj kono de la du lingvoj en la publikaj oficoj".
Ni mencios la plej signifajn punktojn de tiu dekreto, per kiu estis starigita senprecedenca aŭtonomio de minoritato interne de unueca ŝtato.
La kono de la itala kaj de la germana lingvoj, adekvata al la postuloj de la bona funkciado de la servo, estas necesa por dungiĝi en ĉiuj ŝtataj kaj publikaj oficejoj en la provinco de Bolzano/Bozen. Tio validas ankaŭ por la oficejoj kun regiona kompetenteco situantaj en Trento, en la limoj de la kvanto da oficistoj necesa por certigi la bonan funkciadon de la servo ankaŭ en la germana lingvo. (En la provinco de Bolzano/Bozen germanoj estas plimulto, dum en la provinco de Trento estas plimulto la italoj; ambaŭ provincoj kune formas la regionon de Trentio-Alta Adiĝo/Sudtirolo.)
La koncernaj oficejoj devas rezervi parton el la laborpostenoj al la posedantoj de speciala atestilo pri kono de la lingvoj itala kaj germana. Tiu atestilo, kiu validas 6 jarojn, estos disdonata de apartaj komisionoj konsistantaj el du civitanoj kun la itala kiel gepatra lingvo kaj el du civitanoj kun la germana kiel gepatra lingvo; la komisionanoj devos plene koni ambaŭ lingvojn; prezidos la komisionon persono, kies gepatra lingvo estas alia ol tiu de la ekzamenoto. Gajninto de konkurso por rezervita laborposteno devos deĵori en Alta Adiĝo/Sudtirolo aŭ en regiona oficejo de Trento dum minimume 10 jaroj antaŭ ol translokiĝi.
Kun la celo favori la plenan regon de la itala kaj de la germana, la ŝtato en kunlaboro kun la provinco starigos kursojn por lingva kleriĝo de la publikaj oficistoj deĵorantaj en Alta Adiĝo/Sudtirolo kaj en la regionaj oficejoj de Trento. Oni povos ankaŭ starigi perfektigajn kursojn, ĝeneralajn aŭ fakajn, en Italujo aŭ eksterlande.
Por la ŝtataj kaj publikaj oficejoj de la provinco de Bolzano/Bozen estas kreitaj apartaj lokaj listoj de la oficistoj; la laborpostenojn oni atribuos al la membroj de la tri lingvaj grupoj - italoj, germanoj kaj ladinoj - proporcie al la konsisto de la etnaj grupoj surbaze de la lasta popolnombrado. Tiu ĉi regulo ne validas por prefektejaj funkciuloj, policanoj kaj administraj oficistoj de la ministerio pri defendo.
Okaze de konkursoj por lokaj postenoj havas rajton je prefero tiuj kiuj almenaŭ de du jaroj loĝas en la provinco de Bolzano/Bozen. La konkursaj ekzamenoj okazas en Bolzano/Bozen kaj devas enteni la fakojn administrojura leĝaro, historio kaj geografio lokaj.
Provizore oni povos ordoni al oficistoj de la centraj listoj deĵori, dum maksimume unu jaro, en Alta Adiĝo/Sudtirolo; tiukaze oni devos preferi tiujn kiuj konas la germanan.
La oficistoj de la lokaj listoj povos esti sendataj por deĵoro ekster la provincon de Bolzano/Bozen nur pro seriozaj kaj motivitaj deĵorbezonoj aŭ por kleriĝo ne efektivigebla surloke. Se temos pri germanlingvanoj aŭ ladinoj, la koncernatoj ne povos superi 10 % el la respektivaj laborpostenoj, kaj la tempo ne povos superi unu jaron. Escepte de kazo de kleriĝo, tiujn oficistojn oni devos, laŭeble, utiligi en Trentio.
Kaze de konkursoj por dungiĝo ĉe ŝtataj kaj publikaj oficejoj oni atribuos la lokojn al la membroj de la tri lingvaj grupoj, sendepende de ilia loĝloko, proporcie al la konsisto de la tri grupoj surbaze de la lasta popolnombrado. Se tiamaniere oni ne sukcesos atribui almenaŭ unu postenon al iu lingva grupo, oni tion prikonsideros kaze de posta konkurso.
En la provinco de Bolzano/Bozen ne aplikiĝas la preskriboj kiuj malpermesas al la oficistaro deĵori en la naskiĝloko aŭ en la restadloko propra aŭ de la familianoj. Ladinoj devas, laŭeble, esti destinataj al oficejoj en ladinaj lokoj aŭ kun kompetenteco ankaŭ por tiuj lokoj.
Okaze de ĝenerala popolnombrado ĉiu plenaĝa civitano aŭ ĝia jura reprezen-

tanto deklaras la apartenon al unu el la tri lingvaj grupoj kaj ricevas kopion de sia deklaro. Kiel escepto de la sekreteco de la popolnombraj donitaĵoj, laŭpete la municipo, kie estis farita la deklaro pri lingvogrupa aparteno, atestas tiun apartenon. Se, en la momento de la popolnombrado, la civitano ne troviĝis en Alta Adiĝo/Sudtirolo, ĝi povas deklari sian lingvogrupan apartenon antaŭ publika oficisto tiucele rajtigita. Por kunhelpi en la certigo pri la libero kaj sekreteco de la lingvogrupa aparteno, la prezidento de la provinca registaro rajtas peti inspekciojn pri la popolnombraj operacioj kaj informi la ŝtatan komisaron pri neregulaĵoj. La provinca registaro rajtas jure plendi pro la malobservo de reguloj kiuj protektu la liberon kaj sekretecon de la lingvogrupa deklaro.

La donitaĵoj pri la konsisto de la lingvaj grupoj en la provinco de Bolzano/Bozen estas publikigataj en la ŝtata "Oficiala Gazeto".

La kandidatoj de publikaj konkursoj en la provinco rajtas submetiĝi al la ekzameno en la itala aŭ en la germana lingvo. La juĝkomisionoj konsistos el 6 personoj, el kiuj estos 3 italoj kaj 3 germanoj.

La administraj konsilantaroj kaj la pun-komisionoj de la publikaj oficejoj konsistos egalnombre el italoj kaj germanoj; ladinoj povos voĉdoni por la elekto ĉu de italaj ĉu de germanaj reprezentantoj. - La sanitara instanco, kiu okupiĝas pri laborakcidentoj, devos starigi apartan sidejon en Bolzano/Bozen por ebligi la malcentrigitan aplikon de la egaligo de la lingvoj itala kaj germana. - La juĝistoj kaj aliaj deĵorantoj en la juĝejoj de la provinco de Bolzano/Bozen devos aparteni al la grupoj itala, germana kaj ladina surbaze de la konsisto de tiuj grupoj laŭ la lasta popolnombrado. Provizore oni povas kovri, maksimume por unu jaro, la vakantajn juĝistajn postenojn per ekzistantaj juĝistoj kiuj, prefere, konu la germanan.

Devas esti publikigataj, ĉiujare, la listoj de la lokaj publikaj oficistoj kun la indiko pri ilia aparteno al unu el la lingvogrupoj, kaj la distribuo de la laborpostenoj inter la lingvogrupoj. - La Regiona Administra Tribunalo de Bolzano/Bozen priekzamenas la jurajn plendojn koncerne la preskribojn de la dekreto pri lingvogrupoj.

Provizore, en ĉiuj publikaj oficejoj kaj en la servoj kun publika graveco en la provinco de Bolzano/Bozen kaj en tiuj kun regiona kompetenteco en Trento la oficistaro, kiu posedas atestilon pri lingva kapablo aŭ kiu sukcesis en ekzameno pri kono de la dua lingvo, devas surhavi identigan signon facile videblan.

La aĝolimo por partopreni en ĉiuj publikaj konkursoj surbaze de la reguloj pri lingvogrupa proporcio estas plialtigita, dum 15 jaroj, ĝis 4o jaroj. Por plena efektivigo de la lingvogrupaj proporcioj estas asignitaj 3o jaroj ekde la validiĝo de la regiona statuto; ĝis tiam oni rajtas superi la procentaĵojn, kiuj en publikaj konkursoj devus iri al la apartenantoj de la germana kaj ladina grupoj surbaze de proporciaj kalkuloj. Dum la sama periodo oni konsideros kiel vakantajn la postenojn de tiuj dungitoj, kiuj petis translokiĝon en alian provincon.

La lokaj laborpostenoj estas dividitaj jene:

- agrikulturo kaj arbaroj: 7
- impostoj kaj doganoj: 716
- industrio, komerco, manlaboro: 5
- socialaj aferoj: 122
- sanitaraj aferoj: 17
- civila motorizado: 32
- publikaj socialaj instancoj: 35o
- kulturaj kaj mediaj riĉaĵoj: 4
- justico: 13
- publikaj laboroj: 374
- poŝto kaj telefono: 1.792
- trezoro: 64
- ŝtataj fervojoj: 2.864
- juĝistaro: 44

totalo: 6.4o4

Surbaze de la lasta popolnombrado la supre menciitaj laborpostenoj devas esti asignitaj je 63 % al germanlingvanoj, 33 % al itallingvanoj kaj 4 % al ladinlingvanoj.

Estas menciinde ke la Konto-Kortumo, kiu laŭ la itala juro kompetentas por kontrolo de ĉiuj administraj aktoj antaŭ ilia ekvalido, aprobis la suprajn preskribojn nur post longa hezitado (kelkaj el la diritaj reguloj ja kontraŭas iamaniere la italan konstitucion, ekzemple la prefero donita al la loĝantoj de difinita landoparto cele al publika dungiĝo). La Konto-Kortumo donis sian aprobon fine surbaze de la eksplicita konsidero ke tiuj preskriboj grandparte devenas el internaciaj akordoj kaj ke, ĉiukaze, ili estas bezonataj por konkreta plenumo de konstituciaj reguloj pri protekto de minoritatoj.

Antonio De Salvo, helpjuĝisto ĉe
la itala Konto-Kortumo

# MEMREGADO POR GROENLANDO?

"Vidu nur," diris mia najbaro kaj montris al mi danan bildgazeton, "tiom bela estas Danlando!" La bildo reprezentis grandiozan glaciejan pejzaĝon en plena sunbrilo. "Tio je dio ne estas Danlando, tio estas Groenlando!" Mia groenlanda konversaci-partnero spite al sia daneca nomo ne ĝuste aspektis kiel dano: glata nigra hararo ĉirkaŭis aziecan vizaĝon, du brunaj fokecaj okuloj elrigardis de ĝi. Ni uzis la danan lingvon, ĉar mi ne scipovis lian gepatran. Arne Lynge parolis flue la danan: La tri lastajn lernojarojn li pasigis en Danlando. Li vivis en dana familio kaj submetiĝis al dana abiturienta ekzameno. Por la proksimume 50.000 enloĝantoj de Groenlando ekzistas neniu gimnazio, kvankam la nur 40.000 feroanoj ja havas gimnazion. Sed la Feroaj Insuloj jam de 1948 estas sufiĉe memstaraj. "Ni estas 50 jarojn post la feroanoj," diris Arne.

Dana instruisto - groenlanda lernanto: ankoraŭ mankas sufiĉa nombro da groenlandaj instruistoj.

Danlando atingis la regadon super Norvegio en 1380 kaj konservis ĉe si la suverenecon super la iam norvegaj kolonioj de Groenlando, Feroaj Insuloj kaj Islando, kiam Norvegio per la packontrakto de Kiel (1814) forlasis la danan Tutŝtaton (dane: Helstaten). La Dua Mondmilito ankaŭ en la nordo de Eŭropo progresigis la memstariĝemon de iamaj kolonioj. Islando, kiu de 1918 jam nur per persona unio sub la dana reĝo estis ligita kun Danlando, iĝis memstara respubliko en 1944.

Groenlando estas jam de 4.000 jaroj loĝata de eskimoj. Ĉirkaŭ la fino de la unua postkrista jarmilo ĝi travivis skandinavan koloniadon iniciatitan de la islanda forpelito Eriko la Ruĝa. La koloniistoj fariĝis kristanoj kaj atingis por si episkopejon en la 12-a jarcento. Iam en la 15-a jarcento la skandinava loĝantaro estingiĝis, post kiam tiuj homoj estis vivintaj dum proksimume 80 jaroj sen kontakto kun siaj devenlandoj. Oni ne precize scias pro kio ili formortis: ĉu kaŭze de malboniĝinta klimato, ĉu pro malsanoj, ĉu pro la invadantaj eskimoj?
Dum la epoko de la malkovroj de "novaj" kontinentoj oni estus povinta, post la vikingoj, malkovri duan fojon Amerikon antaŭ Kristoforo Kolumbo. Ekspedicio, kiun provizis la dana reĝo Kristiano la Unua laŭ instigo de Henriko la Navigisto de Portugalio por serĉi la okcidentan vojon al Hindio, estis haltigita per la groenlanda glacio. Sekvis ekspedicioj de portugaloj, hamburganoj, angloj kaj danoj, kaj ili havis unuajn, parte malpacajn kontaktojn kun eskimoj.
La 17-a kaj 18-a jarcentoj kondukis nederlandajn, frisajn, hamburgajn, danajn, francajn kaj anglajn baleno-kaptistojn en la marojn ĉirkaŭ Groenlando, kie ili establis staciojn kaj ŝanĝokomercon kun la eskimoj.

Elirpunkto por la nova koloniado de Groenlando estis - kiel aliloke - la deziro kristanigi la nove malkovritajn paganojn, kaj - kiel aliloke - la misiistojn akompanis soldatoj kaj komercistoj. Kompanio el Bergen (Norvegio) akiris, en 172o, de la dana reĝo monopolon por la komerco kun Groenlando. En la sekvanta jaro alvenis la protestanta pastro Hans Egede, norvega subulo de la dana reĝo. En 1766 la Reĝa Groenlanda Komerco (dane: Kongelig Grønlandske Handel / KGH) transprenis la monopolon. Per tio la dana ĉeesto en la insulego estis firme establita, kaj KGH ludas ĝis nun ŝlosilan rolon.

En la jaroj 193o - 1933 Norvegio provis remeti piedon en sian ekskolonion, sed la Internacia Kortumo en Hago konfirmis la danan suverenecon super Groenlando. La jaro 1953 estis decida por la evoluo de Groenlando, kiun oni estis traktinta ĝis tiam kiel rezervejon kaj kiun fine, ankaŭ laŭ la deziro de multaj groenlandanoj, oni malfermis por la moderna okcidenta socio: La groenlandaj tertrezoroj fariĝis pli kaj pli interesaj! Groenlando estis - sen plebiscito inter la koncernatoj! - transformita en distrikton de Danlando, laŭ la modeloj konataj de, ekzemple, Portugalio kaj Francio. La groenlandanoj sendas, same kiel la feroanoj, du reprezentantojn en la danan parlamenton, kie ili estas "samrajtaj" kun la 175 danaj deputitoj. (Se Danlando estus traktata "samrajta" proporcie al sia enloĝantaro, ĝi rajtus sendi en la novan Eŭropan Parlamenton nur 8 deputitojn anstataŭ la 16, kiujn ĝi elmarĉandis!)

G R O E N L A N D O

Thule/Dundas (usona aerbazo)

2.175.6oo kvadrataj km

el ili estas:

1.833.9oo kvkm konstante glaci-kovritaj

341.7oo senglaciaj

15o.ooo loĝataj

fare de proksimume

5o.ooo enloĝantoj

(pli ol 8.ooo eŭropanoj, malmultaj purrasaj eskimoj, precipe miksrasaj "groenlandanoj")

Holsteinborg

ĉefurbo:

GODTHÅB

Frederikshåb

Kompare:

DANLANDO
43.o69 kvkm
5.ooo.ooo da enloĝantoj

FEROAJ INSULOJ
1.398 kvkm
4o.ooo enloĝ.

La groenlandano Angmalortoq Olsen karakterizas la evoluon en sia libro "Groenlando hodiaŭ" (dane: "Grønland idag", eskime: "Nunarput uvdluvtine") jene: "Konsiderante ĉiujn bonajn materiajn aferojn kaj la - kiel oni diras - bonajn intencojn, la socio /groenlanda/, kia ni trovas ĝin hodiaŭ, estas ordinara tradicia kolonia socio kun fremda kaj plejparte izolita supera klaso kaj malforta, malesperige disfalinta enlanda suba klaso." (paĝo 8)

En Danlando tiaj eldiroj renkontas ofte malkomprenon: "Groenlando ja ne estas kolonio, sed samrajta dana distrikto. - Ni faras tiom por la groenlandanoj; ili kostas al ni multe da imposta mono. - Ili ja ne laboras, estas malfidindaj kaj drinkas kiam ili havas monon." Ĉi-lastan prijuĝon oni konas el aliaj landoj koncerne ties koloniojn. En Danlando ofte troveblas ankaŭ bonvola, sed ĝene patreca sinteno. Tamen, precipe inter junaj intelektuloj kaj en maldekstraj rondoj oni renkontas pli da kompreno, eĉ partiecon favore al la afero de la groenlandanoj.

Kússangajånguak

La moderno enkondukis ankaŭ stratnomtabulojn en Groenlando; jen tiu de la "Malgranda Montetostrato" en Jakobshavn.



Fakte oni multon faris por alproksimigi la aferojn en Groenlando al la cirkonstancoj en Danlando. Oni konstruis kaj plibonigis instalaĵojn por kaptado kaj prilaborado de fiŝoj, havenojn, modernajn domojn. La komerca monopolo malaperis en 195o. Mallonge: Oni faris ĉion por ŝanĝi Groenlandon en kvazaŭan "Norddanlandon", kun ĉiuj konsekvencoj. Kiel ĉie, kien la eŭropano venis kiel kolonimastro, malnovaj strukturoj rompiĝis, ankaŭ helpe de brando kaj novaj malsanoj. La novaj strukturoj estis teneblaj nur per pli multnombre alvenantaj danoj kaj kelkaj pli adaptiĝemaj groenlandanoj. La danoj havis preskaŭ ĉiujn gvidajn poziciojn kaj mon-donantajn postenojn. La loĝantaro fariĝis, krom kelkaj esceptoj, pasiva objekto de ĉiuj ĉi agadoj, al kiuj apartenis ankaŭ la energia lingva kaj kultura danigo. Angmalortoq Olsen tion nomas genocido. Kiu volis atingi ion en la socio, tiu devis scipovi la danan kaj vivi longe en Danlando (normale jam ekde la junaĝo). La "edukprogramoj" kutime celis nur malaltajn laborojn. Malbona ekzemplo estas "edukprogramo" kiun organizis la dana ministerio pri Groenlando kune kun teksaĵoproduktisto en Herning (Danlando). Ĝi funkciis fakte nur kiel rimedo por havigi laboristinojn por subtarife pagata laboro. Tiuj laboristinoj venigitaj el Groenlando estis traktataj kiel neplenkreskuloj kaj loĝis en medio por ili diskriminacia. - Precipe diskriminacie estas por groenlandanoj ke ili laŭ "naskiĝolka kriterio" (dane: fødesteds-kriterium) en Groenlando ne ricevas saman salajron por sama laboro kiel la danoj. Amare ili registras ŝovinisman malsolidarecon ankaŭ flanke de la danaj sindikatoj.

La ĉefa moderna trafikilo inter la groenlandaj urboj estas la helikopteroj, sed ankoraŭ vizitantoj bezonas hundo-sledon por atingi eksterliniajn lokojn.



Per sia mono gajnita kaj akumulita en Groenlando kaj per sia kono de la moderna komerca kaj industria mondo dantipa, la danoj sukcesis en tiu radikale ŝanĝiĝanta situacio okupi ŝlosilajn poziciojn en la privata sektoro de komerco kaj laboro. Ili fondis komercajn kaj metiajn firmaojn ĉiuspecajn kaj ekformis fremdan superan klason de novspecaj konloniaj mastroj. La mono, kiun la dana impostopaganto donis por la evoluo de Groenlando, iris, kiel Angmalortoq Olsen montras, reen en danajn poŝojn kiel pago al danaj oficistoj aŭ en la kasojn de danaj entreprenoj.

Kulture Groenlando estis sisteme danigita. Kiu ne parolis la danan lingvon, tiu estis malprivilegiita. La dana estis la lingvo de ĉiuj sferoj ekster la privataj kontaktoj. La groenlandaj infanoj estis instruataj precipe de danaj instruistoj kaj per la dana lingvo. Tiuj danaj instruistoj, kiuj normale restas en Groenlando nur dum malmultaj jaroj, povas akiri nur supraĵan konon pri la lando kaj la homoj kaj ne povas adekvate kaj tutkore plenumi sian taskon. Por ekhavi konforman laboron, la groenlanda elito, jam grandparte edukita en Danlando, devis resti tie kaj tiel mankis por la estiĝo de sufiĉa memfido kaj memstaro en la hejmlando --- malavantaĝiga situacio konstatebla en multaj minoritatoj.

La oficiala prezento de la groenlanda problemo fare de Danlando estas sufiĉe unuflanka: Oni akcentas la bonaĵojn donitajn de Danlando al Groenlando kaj ties nekapablon solvi mem siajn problemojn. En prelego, kiun oni en 1968 faris por eksterlandanoj partoprenantaj feriokurson, oni ne forgesis montri drinkemajn groenlandanojn --- sen klarigo pri la kaŭzoj kaj cirkonstancoj. Oni ankaŭ sciigis al la aŭskultantoj ke ekster kelkaj Thule-eskimoj ne plu ekzistas vera groenlanda popolo. La rimarkigo de usona studento ke al li la montritaj homoj ŝajnas aspekti specife groenlandaj kaj tute ne similas al danoj, estis respondita lakone: "Ĉu vi pensas? Mi ne!"

Groenlando estas la lasta posedaĵo de iama dana grandpotenca bonstato, kaj ankoraŭ flatas la prestiĝemon de ne malgranda parto de la dana popolo ke Danlando posedas la plej grandan insulon de la mondo (informiloj tion akcentas). Sed ... ekzistas solidaj ekonomiaj interesoj koncerne Groenlandon. La malhavo de krudmaterialoj en Danlando aktualigas la riĉaĵojn en la groenlanda grundo. Marmoron, karbon kaj krizoliton oni jam delonge ekspluatas. La plibonigitaj teknikaj eblecoj pli kaj verŝajnigas la profitodonan uzon de la konataj kaj supozataj trezoroj de la tero, interalie de uranio kaj petrolo. La Komuna Merkato, kiu "glutis" pere de Danlando - kontraŭ la emfazita volo de la groenlandanoj - ankaŭ tiun ĉi insulegon, disponebligas al la danoj monon por ekspluatado de tiuj riĉaĵoj. La groenlandanoj ankoraŭ ne povas influi tiun evoluon, sed jam vekiĝis la scio kaj konscio pri ilia situacio. Voĉoj leviĝis en kaj ekster la lando kontraŭ la detruo de la groenlanda etno kaj ties sekvoj - pasiveco, fuĝo en ebrion, krimemo, nervaj kaj aliaj malsanoj - kaj trovas vojon en la danajn kaj - tre malofte - eksterlandajn gazetojn. La voko pri memregado aŭ eĉ memstareco jam estiĝis kaj aŭdiĝis. La dana registaro parte cedas, sed tamen provas savi la ekonomiajn interesojn, sciante ke la groenlandanoj en la nuna stadio de sia evoluo ne facile povas mem transpreni tiujn aferojn. La ankoraŭ ekzistanta manko de memfido kaj la scio pri ilia malforteco bremsas "troan" radikaliĝon de la groenlandanoj, inter kiuj tamen jam troveblas rondoj pretaj riski la sekvojn de totala memstareco.
Sub la premo de la cirkonstancoj la dana socialdemokrata registaro establis komitaton konsistantan el egala nombro de danoj kaj groenlandanoj sub gvido de la dana juristo Isi Foighel. Al ĝi oni komisiis la taskon prepari "hejman gvidadon" (dane: hjemmestyre) por la groenlandanoj laŭ la modelo de la Feroaj Insuloj. Unu el la bazaj problemoj akre diskutata estas la demando pri la ekzisto de groenlanda etno, kiu laŭ la UN-ĉarto havus rajton pri sia grundo. La dana registaro deklaras la groenlandanojn parto de la tutdanlanda enloĝantaro. Foighel neas la eblecon ke la groenlandanoj povus posedi sian grundon sen ke Groenlando estus tute memstara ŝtato. La dana profesoro Peter Germer defendas kontraŭ starpunkton, same kiel la etnologo Robert Petersen, kiu deklaras ke la groenlandanoj ja estas etno. La sinteno de oficialaj danaj reprezentantoj ofte memorigas pri fiadvokataj artifikoj.
Kiel firme oni volas konservi siajn poziciojn kaj defendi siajn interesojn, montris la interveno de la dana ŝtatministro (= ĉefministro), kiu ĵus dirintis ke oni ne alprenu tro fiksitajn starpunktojn kiam oni havas komitaton sidantan: La demandon pri la posedrajto de groenlanda grundo fare de la groenlandanoj li arbitre respondis dirante ke, se ili volas posedi ĝin, ili iru sian propran vojon kaj sciante ke ili nuntempe ne jam povas tion fari! En la nunaj cirkonstancoj tiu eldiro devas komprenati kiel kruda ĉantaĝo. Tiukuntekste oni ankaŭ pretervidas la responson de kolonia ŝtato, kiu transprenis funkciantan socion, detruis ĝin kaj igis ĝin malmemstara.

En la menciita komitato oni trovis la solvon de "duobla vetoo", kiu signifas ke ambaŭ - la dana ŝtato kaj la groenlanda "Landsråd" (t.e. landa konsilantaro) - havas la rajton nei agadon kiun ili ne aprobas. Parto de la groenlandaj komitatanoj estas kontenta, sed parlamentano Lars Emil Johansen, kiu reprezentas la plej fortan groenlandan grupon "Siumut", akre kontraŭas. "Tiel nenio povas okazi kion ni ne volas," argumentas la ĉefo de "Landsråd" ne vidante ke per tio Danlando povas bloki ĉiun evoluon nekonforman al la danaj deziroj.

Aktuala ekzemplo de traktado de la interesoj de la artika loĝantaro, kiam

ekonomiaj celoj estas minacataj: Groenlandanoj protestis kontraŭ petrolo-borado ĉe la marbordo. Lars Emil Johansen nomis la danan sintenon klara imperiismo. Groenlandanoj volas ke unue estu klarigitaj la cirkonstancoj de la "Bravo"-katastrofo kaj postulas plenan scion pri la riskoj de borado apud Groenlando. Spite al la scio ke la artika maro ne havas similan biologian kapablon kiel la Norda maro koncerne toleradon al elfluanta petrolo, la dana registaro sentas sin tro malforta kontraŭ la interesoj de la "multioj" kaj la propraj ekonomiaj deziroj, sed sufiĉe forta kontraŭ la groenlandanoj. Kial Danlando ne sekvas la modelojn de Kanado kaj Islando kiuj jam prokrastis tiajn planojn?

Sed nun la groenlandanoj jam ne plu staras solaj. Oni kultivas kontaktojn inter la artikaj popoloj, kiuj en ĉiuj ŝtatoj estas minoritataj. Kiel menciite, parto de la dana gazetaro estas malfermita por la groenlandaj problemoj, precipe la granda taggazeto "Politiken" kaj la intelektula gazeto "Information". La tutmonda publiko tre malrapide ekinteresiĝas pri tiu ĉi maldensege loĝata, sed ekonomie multpromesa regiono.

Jen por ilustro kelkaj nombroj, tamen el diversaj jaroj:

| | naskitaj en G. / | ekster Groenlando | totalo | jaro |
|---|---|---|---|---|
| enloĝantoj | 39.979 | 9.523 | 49.5o2 | 1975 |
| dungitoj | 16.177 | 5.292 | 21.474 | 1974 |
| enspezoj de la dungitoj | 361 mil.dkr. | 277 mil.dkr. | | 1973 |
| instruistoj | 322 | 557 | | 1974/75 |

FONTOJ

1) gazetoj "Politiken" kaj "Information" 1975 - 1977
2) Bogen om Grønland, København, 4/1976
3) Pie Barfod, Lone Nielsen, Johan Nielsen: Grønlaendere i Danmark 1971-72 - Kalâtdlit danmarkime, København, 1974
4) Angmalortoq Olsen: Grønland idag - nunarput uvdluvtine, Kragestedet, 1976
5) Anders From: Lalâtdlit - nunãne ingerdlauseK kanokîpa? - Hvordan går det i Grønland? København, 1976
6) Dänische Rundschau, 3/1976
7) Le Monde de l'Education? n-ro 2, februaro 1975
8) Samvirke, junio 1977
9) privataj konversacioj.

DIRK WILLKOMMEN, Kiel (FRG)





Ĉu li povas, volas, devas adaptiĝi al la fremdiganta "moderno"?

INTER LEGANTO, AŬTORO KAJ REDAKTORO : PRECIZIGO KAJ KOMPLETIGO

# LA KAŜUBOJ

La ĉefartikolo de ETNISMO 15 informis pri "Pollando - inter germanoj kaj tataroj". Leganto el Pollando kritikis ĝin precipe en du punktoj: Unue, liaopinie la titolo kaŭzas misimpreson. Evidente ne estis celo de la redaktoro ŝajnigi ke Pollando limas oriente kun germanoj kaj oriente kun tataroj. Precize per la absurda kunmeto de tiuj du etnoj ni volis indiki la esencajn diferencojn de la etna problemaro en la koncernata Pola Popola Respubliko. Due, nia leganto atentigas pri la miskomprenebla noto 2 sub la artikolo, ĉar tie oni mencias ke en Pollando vivas 4.5oo kaŝuboj. Jes ja, tie vivas multe pli da homoj sentantaj sin kaŝuboj, sed laŭ seriozaj taksoj nur la menciita nombro da personoj plene regas kaj uzas la kaŝuban lingvon. Jen kion Rudolf Grulich, la aŭtoro de la koncernata artikolo, kompletige skribis pri la kaŝuboj:

Apud la Balta maro ankoraŭ nun vivas malgranda slava popolo pri kiu oni ĝenerale malmulton scias: la kaŝuboj. Werner Bergengruen, konata germanlingva poeto el Baltio, popularigis ilian nomon per la poemo "Kaschubisches Weihnachtslied" (t.e. kaŝuba kristnaska kanto), sed kutime nur la germanaj fuĝintoj el la regiono de Puck (Putzig), Wejherowo (Neustadt), Kartuzy (Karthaus), Kościerzyna (Berent) kaj Dancigo (Gdańsk/Danzig) konas la kaŝubojn kaj ilian landon. La titolo "Pri nekonata popolo en Germanio" donita de Ernst Seefried-Gulgowski, antaŭ la Unua Mondmilito, al lia libro pri la kaŝuboj estas daŭre trafa, kun la modifo ke la kaŝuboj aktuale vivas sub la pola ŝtata tegmento. Ili plue estas nekonata popolo.
La socilingvisto Harald Haarmann konsideras la kaŝuban lingvon niatempe unu el la mortantaj lingvoj de Eŭropo. En sia libro "Soziologie und Politik der Sprachen Europas" (dtv, WR 4161, München, 1975) li mencias la nombron de proksimume 4.5oo parolantoj. La kaŝuboj mem indikas 15o.ooo - 2oo.ooo anojn, sed temas ĝenerale pri personoj kiuj parolas kiel gepatran lingvon la p o l a n, kvankam ili sentas sin ankoraŭ kaŝuboj. Ilia pola lingvaĵo havas tiel forte kaŝuban koloron, ke leviĝas la demando, ĉu la kaŝuba vere estas aparta lingvo aŭ nura dialekto de la pola, aŭ alivorte, ĉu la kaŝuboj estas propra etno aŭ ĉu ili estas poloj. Ili estas konsiderataj fare de la polaj aŭtoritatoj "aŭtoktonaj poloj". Tion subtenas ankaŭ la neoficiala nacia himno de la kaŝuboj, la "kaŝuba marŝo", en kies unua strofo tekstas: "Tie, kie Vistulo de Krakovo fluas en la polan maron, neniam malaperos pola kredo, pola lingvo." Male, ekzistas ankaŭ multaj malpli novaj kaŝubaj atestaĵoj, ekzemple la "Letero de la kaŝuboj al la poloj", kiun Florian Ceynowa el la distrikto Puck publikigis, en 185o, en la revuo "Szkola Narodowa". Tie legatas: "Laŭdata estu Jesuo Kristo. Tio estas nia kristana saluto kiam ni renkontas unu la alian, ĉu katoliko aŭ luterano, ĉu el Pomerio aŭ okcidenta Prusio. Per tiuj vortoj ni salutas ankaŭ vin, karaj polaj fratoj. Kaj tiel, baziĝante sur dio, ni pluparolos kun vi kiel la pli juna frato al la pli aĝa. Do aŭskultu. Certe vi estas iom ĉagrenitaj pro ni, ĉar ni ne tre deziras legi polajn verkojn kaj malpli sopiras al tiu pola frataro, kiun oni nomas la Ligo. Sed efektive la afero estas jena: Ni aŭtentikaj kaŝuboj ne bone komprenas la polan; do ni unue devus lerni vian belan lingvon. Sed kia malfacilaĵo estas tio, se ekzistas neniu kiu povus instrui ĝin al ni! Niaj pastroj estas germanoj, kaj la instruistoj timas siajn su-



perulojn. Tial do ni parolas kiel parolis niaj antaŭuloj, t.e. kaŝube. Sed vi, polaj fratoj, ne kredu ke ni - escepte de kelkaj noblaj sinjoroj - hontus pro ĉi nia lingvo. Ho, dio nin protektu!"
En la kaŝuba literaturo troveblas multaj atestoj pri la fiera konfeso de kaŝubeco. Tiel, en 1923, Franciszek Sedzicki skribis en sia poemo "Nia lingvo" ke la kaŝuba lingvo estas al ĉiuj "sankta, kora kaj kara". "Mia patro estis kaŝubo kaj same mia avo, kaj ankaŭ mi estas kaŝubo," fiere konfesas Bernard Sychta (naskita en 1907). "Kaŝubo, kiu neus la kaŝuban nomon, ne meritus portati per la kaŝuba tero," li daŭrigas. La blazona figuro de la kaŝuboj estas la nigra pomera grafo ornamanta la kaŝubajn blazonon kaj flagon.

Jam de la 16-a jarcento ekzistas kaŝuba literatura lingvo: En 1586 aperis la "Religiaj kantoj de d-ro Martin Luther kaj de aliaj piaj viroj" en la kaŝuba. La Malgranda Katekismo de Luther sekvis en 1693 kaj dua eldono en 1758. Tamen nur en la 19-a jarcento, sur la ondo de ĝenerala vekiĝo de la slavaj etnoj, okazis reviviĝo de la kaŝuba. En 1866 ekis la unua kaŝuba revuo, kaj en 1879 aperis la unua gramatiko. Jam tiutempe bolis la disputo pri la demando, ĉu la kaŝuboj estas konsiderendaj etno aŭ ĉu ili nur parolas malbonan polan lingvon ne bezonante propran literaturan lingvon. Jan H. Derdowski, verkinto de la kaŝuba nacia epopeo "Pan Czarlinski" tiam gisis la sloganon:

"Aŭskultu el kora profundo
nian apostolan konfeson:
Ne ekzistas Kaŝubio sen Pollando
nek Pollando sen Kaŝubio."

Kaj tiuepoke jam ne plu daŭris pola ŝtato!

En la 20-a jarcento viciĝas pliaj gravaj aŭtoroj, ekzemple Aleksander Majkowski, kiu fondis la revuon "Gryf", Jan Karnowski kaj la rondo de "junkaŝuboj" kaj la pastro Bernard Sychta. Dum la tempo post la Dua Mondmilito elstaris la revuo "Kaŝubio" de la Kaŝuba Unuiĝo, kaj ĝi altiris plurajn junajn talentojn. Sed fine de 1969 tiu ĉi revuo ĉesis, ĉar la fanatika centrismo de la pola ŝtato eĉ al la kaŝuboj ne permesas kulturan proprecon. La unuiĝo devis transnomi sin en "Kaŝuba-Pomera Unuiĝo", kiu eldonas stencilitan bultenon sub la nomo "Pomorania".

Do, senkonsidere de la disputo pri "ĉu lingvo aŭ dialekto?" la kaŝuba estas nun en pli granda danĝero ol iam, ĉar ne nur la germanigo, sed ankaŭ la poligo damaĝas la kaŝuban. Ankoraŭ vivas nacikonscio, sed Pollando ne agnoskas la rajton pri memdetermino de la kaŝuboj. Ankoraŭ kaŝubaj poetoj prikantas en sia gepatra lingvo la historion de sia popolo, la pejzaĝon apud la Balta maro kaj la mugadon de arbaroj kaj marondoj, sed multaj poemoj publikiĝas nur stencilitaj aŭ eĉ nur manuskripte. Ankoraŭ vegetas kaŝub-konsciaj gejunuloj, ĉar stencilitaj studentaj gazetoj en Dancigo enhavas versojn kiel tiujn de la maljuna Aleksander Labuda: " Vekiĝu, kaŝuboj ... jam ni direktas nian paŝon al kaŝubeco. Jam majo nin bonvenigas per kaŝuba odoro. Obstine nia tuta grandioza lando strebas al renaskiĝo." Sed Varsovio kontraŭas renaskiĝon, kaj multo restas deziro. - Menciindas ke inter la katolikaj klerikoj troveblas ankaŭ konsciaj kaŝuboj, ekzemple la papa monsinjoro Franciszek Grucza, kiu predikas kaŝube, verkis multajn religiajn poemojn kaj tradukis la Patro-Nian en la kaŝuban. El lia plumo venis interalie la poemo "Kaŝuba Madono" dediĉita al la pilgrimejo Sjônowa: "Vi, grandioza sinjorino de Sjônowa,/ vi por ĉiam estas nia patrino./ Vin, nian kaŝuban madonon,/ ni honorigas kune kun nia tuta lando./ ... En Sjônowa, ĉe la sanktejo,/ glorigas vin ĉiuj kaŝuboj./ ... Ni petas vin,/ benu popolon kaj lingvon./ ..."

<u>Bibliografia atentigo:</u> La libro "Kaschubische Anthologie" de Ferdinand Neureiter (eldonejo Otto Sagner, München, 1973, Slavistische Beiträge 61, 281 paĝoj, 12,-- gm) enhavas superrigardon pri la kaŝuba literaturo, biografion kaj originale kaŝubajn tekstojn de 23 aŭtoroj kun germana traduko. RG
Nia leganto el Pollando, siaflanke, kompletigas indikante ke en 1973 unuan fojon post la Dua Mondmilito oni oficiale uzis la nocion "kaŝuba lingvo", ke la ok-voluma Kaŝuba Vortaro de Sychta povis aperi en nur 800 ekzempleroj kaj ke la nur 300 ekzempleroj de la gramatiko de 1975 estis "nur por la interna uzo".

* * * * *

## Federacia leĝo de la 7-a de julio 1976 pri la jura pozicio de etnaj grupoj en Aŭstrio (leĝo pri etnaj grupoj)

La Nacia Konsilantaro /germane: Nationalrat; t.e. la Ĉambro de Deputitoj/ decidis:

ĈAPITRO I - Ĝeneralaj reguloj

§ 1 (1) La etnaj grupoj en Aŭstrio kaj iliaj anoj ĝuas la protekton per la leĝoj; la konservo de la etnaj grupoj kaj la certigo de ilia ekzisto estas garantiataj. Iliaj lingvo kaj kulturo estas respektendaj.
.....

# SLOVENAJ PROBLEMOJ




§ 2 (1) Per dekretoj de la Federacia Registaro interkonsente kun la Ĉefa Komisiono de la Nacia Konsilantaro kaj post konsultiĝo kun la respektiva provinca registaro estas fiksendaj:
1. .....
2. La teritoriaj partoj, en kiuj, pro la relative konsiderinda nombro (kvarono) de la tie loĝantaj anoj de la etna grupo, estos starigendaj topografiaj indikoj en du lingvoj.
.....

Ŝajnas ke formale ĉio ĝustas: La necesaj leĝoj pri etnaj grupoj estas parlamente akceptitaj kaj realigataj, lige kun la necesaj dekretoj. Sed --- la slovenoj ne akceptas ilin, ĉar evidente la spirito de la leĝoj neniel kongruas kun tiu de la aŭstria packontrakto de 1955 (komparu ETNISMO-n 9 / o1.o7.1975).

La registaro de Aŭstrio, surbaze de leĝo, okazigis tutŝtatan popolnombradon, kies rezulto estas absolute ridiga, ne nur koncerne Karintion, sed tutan Aŭstrion!

**Jen la rezultoj el suda Karintio:**

| | |
|---|---|
| Rajtis partopreni ..... | 1o7.678 |
| Partoprenis ........... | 1oo.727 |
| Nevalidaj deklaroj .... | 4.833 |
| Germanlingvaj ......... | 92.369 |
| Kroatlingvaj .......... | 2o8 |
| Madjarlingvaj ......... | 149 |
| Slovenlingvaj ......... | 2.535 |
| Alialingvaj ........... | 633 |

Valoras konscii ke rajtis fari la deklaron pri sia gepatra lingvo ĉiuj aŭstriaj civitanoj mi-

**Municipoj (aktualaj kaj - parte - iamaj) en suda Karintio (dulingva regiono):**

1 Neuhaus/Suha
1A Schwabegg/Žvabek
2 Bleiburg/Pliberk
2A Moos/Blato
2B Feistritz/Bistrica
3 Globasnitz/Globasnica
4 Sittersdorf/Žitara vas
5 Eisenkappel/Železna Kapla
5A Vellach/Bela
6 Ebental/Žrelec
6A Radsberg/Radise
7 St.Margarethen i.R./Šmarjeta v Rožu
8 Zell/Sele
9 Ferlach/Borovlje
9A Wind.Bleiberg/Slov.Plajberk
1o Feistritz i.R./Bistrica v Rožu
11 Oberdörfl/Zg. Vesca
11A Ludmannsdorf/Bilčovs
12 St. Jakob i.R./Šentjakob v Rožu
13 Rosegg/Rožek
14 Egg/Brdo
15 St.Stefan a.d.Gail/Št.Štefan na Zilji
16 Nötsch/Čajna
17 Hohenthurn/Straja vas
18 Arnoldstein/Podklošter
19 Finkenstein/Bekštajn
2o Wernberg/Vernberk
21 Velden/Vrba
22 Techelsberg/Dholica
23 Schiefling/Škofiče
24 Maria Wörth/Otok
25 Keutschach/Hodiše
26 Köttmannsdorf/Kotmara vas
27 Maria Rain/Žihpolje
28 Magdalensberg/Štalenska Gora
29 Poggersdorf/Pokrče
3o Grafenstein/Grabštajn




La slovenaj enloĝantoj de St. Jakob/Šentjakob dum julio 1977 starigis sur privata herbejo dulingvan tabulon. Jen plotono da policistoj protektas la unulingvan tabulon, kio estis tute ne necesa, ĉar la slovenoj ne volis esti sen kiu ajn tabulo, sed kun dulingva! Cetere, triono de la nuna policistaro estus sufiĉinta dum somero 1972, kiam german-naciismaj fanatikuloj detruis ĉiujn laŭleĝe starigitajn dulingvajn tabulojn, por respektigi la parlamentajn decidojn.

31 Gallizien/Galicija
32 St. Kanzian/Škocijan
33 Eberndorf/Dobrla vas
34 Völkermarkt/Velikovec
35 Diex/Djekše
36 Griffen/Grebinj
37 Ruden/Ruda

La slovena lingvo estas utiligebla skribe aŭ parole en rilatoj kun la aŭtoritatoj nur en la lokoj de la numeroj 1 ĝis 13. Oficialaj komunikoj rajtas - ne devas - esti ankaŭ (krome en la germana) en la slovena. Superaj aŭtoritatoj, ĉe kiuj la slovena ne estas permesita, ne pritraktas dokumentojn tiulingvajn.
Dulingvajn loknomajn tabulojn oni starigis nur en la lokoj de la numeroj 1A, 2A, 2B, 3, 5A, 6A, 8, 9A kaj 11. La bazo de tiu procedo estas la minimumo de 25 % da slovenoj fiksita en enkonduke citita leĝo pri etnaj grupoj.

(daŭrigo de paĝo 14)

nimume 14-jaraj, sed ke la juraj reprezentantoj de la pli junaj rajtis anstataŭe fari tiun ĉi deklaron, tiel ke fakte la rezulto devus speguli fidinde la proporciojn de la etnaj lingvoj en tuta Aŭstrio. Dum en Karintio, kie plej ardas la kvereloj de multaj jaroj, el 522.172 rajtantoj fakte deklaris 451.178 personoj, jam en Burgenlando (kie ekzistas problemoj koncerne la kroatojn kaj madjarojn) el 266.429 rajtantoj fakte faris la deklaron nur 72.642, kaj el la 7.212.796 civitanoj de Aŭstrio nur 1.923.225 pretis sekrete informi pri sia gepatra lingvo. (Komparu la tabelon en paĝo 16.)

Kio sekvos? Ĉio laŭleĝa, volas la registaro. La Libereca Partio de Aŭstrio (opozicia kune kun la Aŭstria Popolpartio en la tutŝtata parlamento)fieras pri sia "sukceso" trudi al la aliaj partioj la plej malvastan "solvon" de la etna problemo de tiu lando. Ĉar la slovenoj ĝenerale malkonsentas pri la koncernataj leĝoj kaj ties konsekvencoj, la situacio neniel trankviliĝis: German-naciismaj monumentoj plueksplodas .....




Jen la dulingva tabulo apud la oficiala. Kiun povus ĝeni tiu privata iniciato? Nur la kverelemajn german-naciistojn. Ili havas tiom da influo ke la aŭtoritato efektive forigis la dulingvan tabulon, la 11-an de julio.

REZULTO DE LA SEKRETA POPOLNOMBRADO SUB LA VIDPUNKTO DE LA GEPATRA (PLI EKZAKTE: DENASKA) LINGVO EN AŬSTRIO, DE LA 14-A DE NOVEMBRO 1976

| teritorio | rajtis partopreni | faritaj deklaroj | validaj deklaroj | germana | kroata | slovena | madjara | aliaj |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Burgenlando | 266.429 | 72.969 | 72.642 | 67.642 | 2.946 | 87 | 1.838 | 129 |
| Karintio | 522.172 | 451.178 | 444.858 | 438.542 | 626 | 3.941 | 336 | 1.413 |
| Malsupra A. | 1.371.646 | 332.947 | 331.746 | 327.977 | 739 | 921 | 705 | 1.404 |
| Supra Aŭstrio | 1.196.305 | 245.409 | 244.660 | 241.620 | 641 | 860 | 413 | 1.126 |
| Salzburgo | 406.974 | 75.616 | 75.391 | 74.265 | 156 | 499 | 136 | 335 |
| Stirio | 1.178.773 | 305.126 | 304.050 | 299.931 | 762 | 1.831 | 481 | 1.045 |
| Tirolo | 534.394 | 47.287 | 47.106 | 46.267 | 88 | 258 | 124 | 369 |
| Vorarlbergo | 260.858 | 13.199 | 13.168 | 12.802 | 31 | 139 | 76 | 120 |
| Vieno | 1.475.245 | 379.494 | 377.409 | 360.970 | 1.630 | 4.747 | 2.329 | 7.733 |
| Aŭstrio sume | 7.212.796 | 1.923.225 | 1.911.030 | 1.870.016 | 7.619 | 13.283 | 6.438 | 13.674 |




Same kiel en St. Jakob / Šentjakob slovenoj ankaŭ en Bleiburg/Pliberk kaj St. Kanzian / Škocijan starigis dulingvajn loknomajn tabulojn kiuj imitas la oficialajn. Dum tiun de St. Kanzian/Škocijan nekonatoj forigis el privata tereno, multnombra policistaro elŝiregis tiun de Bleiburg/Pliberk. En la ĉi-apuda foto videblas ke kelkaj slovenaj junuloj estis katenintaj sin al la tabulo kaj ke la policistoj provas forpreni kaj junulojn kaj tabulon.

---


# ETNISMO INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D-5190 Stolberg 8 (FRG), tel.: 49-2402-72336, poŝtĝirkonto: 232612-306 Hannover

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la dua numero de 1977.

JARABONO (kalendara jaro): 8,-- gm (12 i.r.k.) Nepre ne sendu ĉekojn sen interkonsento kun la eldonanto! Evitu bankajn ĝirojn, ĉar ĝenerale la bankoj subtrahas de la ĝiraĵo siajn kostojn.


---